




6/2001
Oktobro/Novembro
Bulteno de Hamburga Esperanto Societo r. a.

# Kluba vivo plu okazos

Somera festo en la Hamburga klubejo 19-07-2001 - pro pluvo ne en la ghardeno. (Foto: J. Wulff)

Nova luprenanto por la oficejo estas trovita. La foriro de la ghisnuna luanto jam kauzis afliktighon al kelkaj klubanoj, char sen la enspezoj el la forluado de parto de la domo ne eblas financi la domon. Dank' al la lerta agado de Jürgen Wulff la problemo jam estas solvita.

**Nova luanto - novaj kondichoj**

La nova luanto en la Esperanto-domo estas firmo kiu peras diversajn servojn al la klientaro. Interalie estas ankau seminarioj por komerca trejnado, kiuj okazu en la suba etagho. Tio signifas, ke la nova luanto uzas ankau la kluban salonon, dum kutima labortempo, kaj por tio ankau pagas. Sekve al tio, nia salono ne plu estas sen utiligo dum la plej multa tempo, kiel ghis nun. Sed tiu duflanka uzado de la salono postulas iom pli da reciproka atento. Ni ja havos nian klubejon por niaj klubvesperoj kaj kursoj, sed ni ne plu povos gastigi vojaghantojn, kiel ghis nun. Sed ni konsideru, ke la vizitantoj de la dumtagaj seminarioj en la Esperanto-domo ankau ekscios iom pri Esperanto (ekzemple per afishoj). Tiel ni krome ricevos senkostan varb-eblecon.

Benno Klehr

| Sentenco | Editorajhoj |
|---|---|
| La plej bona protekto kontrau teroro, perforto kaj milito estas justa internacia ordo.<br><br>Prezidanto Johannes Rau | Redaktofino de Esperanto HAMBURG<br>n-ro 5/01: 15-09-2001<br>Eldonanto: *Hamburga Esperanto-Societo r. a.*<br>Klaus-Groth-Str. 95, D-20535 Hamburg<br>Tel/Faks: +49 40 250 30 65<br><br>Prezidanto: *Jürgen Wulff*<br>http://www.juergenwulff.de<br><br>Redaktoro: *Benno Klehr*<br><br>Retposhto: Hamburg@Esperanto.de<br>(alvenas che *Frank Merla*) |
| La HES klubejo estas malfermita Jhaude ek de 19:30 h.<br>Programo: 20:00 h.<br>Das Haus des Esperanto Vereins Hamburg ist geöffnet donnerstags ab 19:30 Uhr.<br>Programm: 20:00 Uhr | **- Esperanto-Eisenbahner -**<br><br>Fervojistoj renkontighas en la stacio Altona, antau la biletvendejo Sabate je la 10.00 h:<br><br>Pri la detaloj informas Klaus Böhnke |

**Chu kruc-milito?**

Ni chiuj estis shokitaj pro la teroro en Novjorko kaj Vashingtono. Ni funebras kun la Usona popolo. George Bush, prezidanto de Usono anoncis, ke li planas kruc-militon

(crusade) kontrau la terorismo. Chu la vorto kruc-milito ne implicas militon de Kristanoj kontrau la Islamo? La ideo de Bush certe ne estis tia. Sed tiuj Islamanoj, kiuj ankorau ne sekvis al la 'Sankta Milito' povus imagi, ke la 'nekredantoj' nun volas batali kontraula Islamo ghenerale. Kaj fakte kelkaj ekscesoj en Usono montras, ke parto de la popolo kriminaligas la Islamanojn entute. Ankau en Germanio oni vidas tiajn tendencojn, ech che kelkaj politikistoj (speciale en CSU). Ghenerala polica observado de anoj de certa religio estas diskriminacio. Tion ni ne rajtas toleri.

**Nia programo**

| **Oktobro 2001** | **Novembro 2001** |
|---|---|
| **4** *Chiuj korpe fortaj membroj helpu:* Purigado de la klubejo<br><br>**11** *Marcos Salas:* Lumbildoj pri Chilio<br><br>**18** *Gerald Roemer:* Impresoj el suda Francio<br><br>**25** *Benno Klehr:* Lingvaj Ludoj<br><br>**Decembro 2001**<br><br>**1** Zamenhoffesto komenco: 19.00 h | **1** *Werner Bormann (70 j.):* Mia Esperanto-vivo<br><br>**8** *Hella Lanka:* Raporto pri la 25-jara jubileo en Herzberg - semajnfina arangho -<br><br>**15** *Hella Lanka:* Ekumena Esperanto-kongreso en Zagreb kun lumbildoj el la chirkauajho<br><br>**22** *Frank Merla:* Lingvaj Ludoj<br><br>**29** Sen speciala programo pro sabata festo |

**Nova kurso post Du und Deine Welt 2001**

La granda ekspozicio, kiu okazis de la 31a de Augusto ghis la 9a de Septembro allogis proksimume 210.000 vizitantojn. Tio estas 20 % pli ol en la pasinta jaro. Tamen la halo 4, en kiu ni kutime havas nian standon, neniam estas tiom plena kiel la haloj kun sportaj aferoj au tiu kun internaciaj manghajhoj. En halo 4 prezentas sin diversaj shtataj kaj sociaj organizoj.

Per „lotumado“ ni disdonis 180 kuponojn por nia provleciono al interesitoj. Venis fakte 23 personoj; estas pli ol la kutimaj 10%.



Monika Jessel preparis brilajn verdajn stelojn...

Vesna brile

prezentis nian aferon kaj fine alighis 13 al kurso por komencantoj kiu okazu dum semajnfinoj en Novembro.

---

**Husum en 2002**

La Germana Esperanto-Kongreso okazos de la 17a ghis la 20a de Majo 2002 en la urbo Husum. Kongresejo estos la Hotelo Theodor Storm, Neustadt 60-68, 25813 Husum.

La Jarchefkunveno de GEA okazos la 19an de Majo 2002 sur shipo dum tuttaga ekskurso! Aliaj ekskursoj al Friedrichstadt, Schleswig, vadmaro kaj fokoj.

---

**Rimarkigoj pri la €uro**

Chu vi sciis, ke sur la Euro-moneroj nur kvar landoj skribis la nomojn de siaj landoj? Estas Irlando pro la skribo, la reghlandoj Hispanio kaj Nederlando kaj la grandduklando Luksemburgio, sed la lasta ne Franclingve sed estas skribite: Lëtzeburg - en dialekto. En Austrio oni trovas la valoron en vortoj, ekzemple: FÜNF EURO CENT, en Greklando videblas la vortoj Lepto au Lepta, la Grekaj vortoj por cendo(j). *BK*

Re al Esperanto en Hamburg